3a JARO JULIO 1911 9a NUMERO (33)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*
redaktata de **VAN DER BIEST-ANDELHOF**, direktoro ;
LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj
OSCAR VAN SCHOOR.

ABONPREZO :

Belglando . . . Fr. 4.— (Sm. 1.60)
Eksterlando . . . Fr. 5.— (Sm. 2.—)
Unu numero . . . Fr. 0.40 (Sm. 0.16)

**Tarifo de la reklamoj** (Prezo en frankoj)

| | *1 paĝo* | *1/2 paĝo* | *1/4 paĝo* | *1/8 paĝo* | *1/16 paĝo* |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 jaro (12 n.) | 90.— | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— |
| 1/2 jaro | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— |
| 1/3 jaro | 40.— | 24.— | 13.— | 8.— | 5.— |
| 1/4 jaro | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— | 4.— |
| 1 numero | 15.— | 10.— | 6.— | 4.— | 2.— |

**Redakcio.** Adreso por ĉio,kio koncernas la redakcion (artikoloj, ĉiuspecaj informoj,jurnaloj,broŝuroj,libroj) : S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF, 26, Arendstraat, Antwerpen (Rue de l'Aigle, Anvers).

**Administracio.** (Abonoj,monsendoj, k. t. p.) S-ro FR. SCHOOFS, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen (Rue de la Petite Ourse, Anvers).

**Anonco pri korespondado :**
kun la numero de la jurnalo, en kiu ĝi estas presita : Fr. 0.50.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*




## Laŭ la Dua Cirkulero de La Sepo por la Sepa

Nur mallonga tempo disigas nin ankoraŭ de la Sepa Kongreso, al kies organizado ni jam multajn monatojn nin dediĉas.

Nian grandan laboron multe plifaciligis la helpo, kiun on bonvole prezentis al ni, ne nur en Antverpeno, sed en la tuta esperantista mondo.

**Aliĝoj.** — La nombro de la aliĝintoj ĝojige kreskas ĉiutage, sed ĉiuj, kiuj « intencas » partopreni en la kongreso, ne ankoraŭ enskribigis sin. Al ili ni ripetas la insistan alvokon, ke ili ne plu prokrastu aliĝi, por ne senutile kompliki nian laboron alvenante lasthore.

Ĝis nun **1437** gekongresanoj enskribigis sin, nome : 2 el Alĝerio, 1 el Aŭstralio, 21 el Aŭstrio, 178 el Belgujo, 3 el Bosnio, 2 el Brazilujo, 529 el Granda Britujo kaj Irlando, 2 el Bulgarujo, 1 el Ĉilo, 7 el Danujo, 318 el Francujo, 168 el Germanujo, 1 el Hindujo, 42 el Hispanujo (inkluzive Katalunujo), 27 el Holando, 1 el Holanda Hindujo, 8 el Hungarujo (inkluzive Kroatujo), 1 el Ĥinujo, 7 el Italujo, 1 el Kanado, 1 el Koŝinĥinujo, 1 el la Kuba Respubliko, 1 el Meksiko, 3 el Norvegujo, 5 el Rumanujo, 19 el Rusujo, 2 el Svedujo, 30 el Svisujo, 1 el Transvalujo, 1 el Urugvajlando, kaj 28 el Usono.

La kongreskarto kostas 5 Sm.

**Eldonaĵoj de la Sepo.** — Niaj eldonaĵoj ankaŭ trovas ĉie bonan akcepton. Ni rememorigas ĉi sube la prezojn de la publikaĵoj jam anoncitaj en nia unua cirkulero :

*Markoj A* : 0,400 Sm. por 100 ekzempleroj, 2 Sm. por 1000 ;

*Markoj B kaj C* : samaj prezoj ;

*Poŝtkartoj kun esperanta plano de la centra kvartalo de la urbo* : 0,220 Sm. por 12 ;

*Poŝtkartoj kun la grupa portreto de l'gesepanoj* : samaj prezoj ;

*Kaatje*, ludota teatraĵo : 1 Sm. ;

*Antverpeno kaj la sepa universala kongreso de Esperanto*, propaganda broŝuro: 0,100 Sm.

Ni ankaŭ ĵus eldonis la sekvantajn teatraĵojn, kiuj estos ludataj dum la Kongreso :

JAN. — *La Revuo de la Sepa*, komedio kun kantoj kaj ĥoroj. Prezo : 0,400 Sm ;

EM. VAN DRIESSCHE. — *Por kvietaj Personoj*, unuakta komedieto, esperantigita de AMATUS. Prezo : 0,200 Sm.

**Kongreslibro kaj Kongresa Gazeto.** — La *Kongreslibro* estas en presado kaj baldaŭ aperos ; tamen ne estos eble ĝin sendi per la poŝto antaŭ la kongreso. Al la personoj, kiuj jam pagis la poŝtelspezojn de la volumo, la sendita mono estos repagata. Por ne-kongresanoj la Kongreslibro kostas 1,500 Sm.

Dum la Sepa aperos *Kongresa Gazeto*, kiu estos senpage disdonata al la gekongresanoj (prezo por ne-kongresanoj : 0,400 Sm. por la kolekto de 6 numeroj). La unua numero de la gazeto aperos sabaton, la 19an de aŭgusto.

* * *

**Kongresa insigno.** — La kongresanoj portos kiel insignon verdan stelon kun la cifero 7, fiksitan ĉe belga trikolora rubando : nigra - flava - ruĝa. La antverpenaj gesamideanoj portos ankaŭ blank - ruĝan kokardon (antverpenaj koloroj).

* * *

**Oficialaj delegitoj.** — S-ro DAVIGNON, ministro de la Eksterlandaj Aferoj, sendis, en la nomo de la Belga registaro, invitojn al ĉiuj landoj reprezentataj en Bruselo, por ke ili sendu oficialajn delegitojn al la Sepa.

* * *

**La urbestraro** donis novajn pruvojn de sia intereso al la kongreso, metante je la dispono de la Sepa, dum la tuta daŭro de la kongreso, la belegan Flandran Operejon, kaj permesante al la kongresanoj la senpagan eniron en la muzeojn kaj en la salonojn de la urbestrarejo.

La urbestraro oficiale akceptos D-ron Zamenhof, la membrojn de la konstanta kongresa komitato, la akademianojn kaj la Organizan komitaton, en la urbestrarejo, sabaton, la 19an de aŭgusto. Ĝi prezentos la honorvinon al siaj invititoj kaj donacos al D-ro Zamenhof honoran pokalon.

* * *

**Honora komitato.— Lia Majesta Moŝto ALBERTO, Reĝo de la Belgoj, akceptis la titolon de Alta Protektanto de la kongreso.**

Honoraj prezidantoj estas S-roj Leŭtenant-Generalo VAN SPRANG, komandanto de la militista distrikto, grafo DE BAILLET-LATOUR, provincestro, DE VOS, urbestro, General-Majoro WILLAERT, komandanto de la burĝa gvardio, kaj D-ro DESGUIN, skabeno de la Publika Instruado.

La honora komitato ricevis ankaŭ la aliĝon de la tuta antverpena eminentularo : oficiroj, magistratoj, konsuloj, parlamentanoj, juristoj, kuracistoj, ĉefoj el la alta komercistaro, prezidantoj de la unuarangaj societoj, superaj oficistoj, eminentuloj el la publika instruado, k. t. p.

* * *

**Polico.** — Kvankam dum la lasta tempo diversaj cirkonstancoj plimalfaciligis la dejoron de la antverpenaj policanoj, granda nombro da ili daŭrigas fidele ĉeesti sian priesperantan instruadon. Antaŭ kelkaj tagoj ili fotografigis sin grupe ; la fotografaĵo estos eldonata kiel ilustrita poŝtkarto.

La urbestraro aprobis elspezon de 200 frankoj por la aĉeto de vortaroj, kiuj, je l'fino de l'kurso, estos disdonataj al la esperantista policanaro.

* * *

**Ĵurnaloj.** — La loka ĵurnalistaro senescepte sin montras tre favora al la kongreso, kiu cetere renkontas la plej simpatian akcepton de la tuta antverpena loĝantaro.

* * *

**Ekspozicio.** — En la Reĝa Ateneo okazos ekspozicio. Por ĝin sukcesigi, ni faras alvokon al ĉiuj eldonistoj, aŭtoroj, grupoj kaj disaj samideanoj por la alsendo de libroj, broŝuroj, kantoj, cirkuleroj, fotografaĵoj, afiŝoj, ĉiuspecaj dokumentoj, k. t. p. Ĉio estos zorge konservata, kaj tuj resendata post la 5a de septembro. Adreso : Sepa internacia kongreso de Esperanto, Koninklijk Athenæum, Antwerpen (Athénée Royal, Anvers).

* * *

**Fervojaj kaj ŝipaj rabatbiletoj.** — La prizorgo por havigo de tiuj rabatbiletoj ne koncernas la lokan organizan komitaton, sed la karavanestrojn kaj la naciajn organismojn. Ni atentigas la kongresanojn pri la fakto, ke en Belgujo ekzistas malmultekostaj fervojaj abonoj valorantaj dum 5 tagoj kaj dum 15 tagoj (1).

* * *

**Loĝado.** — La laboroj de la loĝiga komitato estas senhalte daŭrigataj. Ĝi faros ĉion eblan por kontentigi niajn bonvenajn gastojn, *sed ne povas garantii konvene zorgi por tiuj, kiuj enskribiĝos sin lasthore.* La kongresanoj, kiuj jam posedas sian provizoran kongreskarton kaj kiuj mendas loĝadon aŭ manĝadon, bonvole citu sian kongresan numeron kaj rememorigu sian plenan adreson. Oni estas insiste petata mendi, se eble, por du personoj nur unu ĉambron aŭ eĉ nur unu liton; tamen la prezoj publikigitaj sur la ĉi kuna aliĝiloj estas kalkulitaj *por unu persono* (ne por unu lito aŭ por unu ĉambro). Mendoj, ne akompanataj de la mono aŭ ne sciigantaj pri la tago de la alveno, ankaŭ tiuj, kiujn ni ricevos post la 10a de aŭgusto, ne estos plenumataj.

Sub la rubriko « Akceptejo » oni trovos ĉiujn aliajn informojn pri la ricevo de la rajtigiloj menditaj.

* * *

**Privataj muzeoj.** — La kongresanoj rajtos senpage viziti ne nur la urbajn galeriojn, sed ankaŭ la rimarkindajn privatajn muzeojn Meyer-Van den Bergh kaj Claes.

**Zoologia ĝardeno.** — Ni prizorgis, ke la gekongresanoj havu, por la malgranda prezo de *unu franko*, dum la tuta kongresa semajno, la liberan eniron en la mondfaman Zoologian ĝardenon. La enirbiletoj estos haveblaj en la akceptejo.

* * *

**Literaturaj konkursoj.** — En la diversaj numeroj de B. E. estas publikigitaj la nomoj de la favorantoj de la literaturaj konkursoj, kiujn ni organizis okaze de la Sepa.

Al ĉiuj tiuj ĉi malavaraj personoj, gazetoj kaj societoj ni esprimas nian koran dankon.

Ni prokrastis la lastan templimon — antaŭe fiksitan je la 1a de julio — ĝis la 15a de la sama monato. Por la konkursoj 7, 8, 9, 22 kaj 24, *kaj nur por tiuj*, oni povos ankoraŭ sendi la manuskriptojn *ĝis la 10a de aŭgusto*.

Ni rememorigas, ke ĉiuj esperantistoj povas partopreni en la konkursoj. La manuskriptoj ne povas esti skribitaj de la aŭtoro mem, kaj devas porti la numeron de la konkurso kaj devizon, ripetitan sur fermita koverto, kiu enhavas la nomon de la verkinto.

(1) Vidu : Postkongresa vojaĝo.

La literaturaj konkursoj tre bone sukcesas. Diversaj temoj estas pritraktitaj de pli ol 40 partoprenantoj.

* * *

**Akceptejo.** — En la Kongresa Gazeto oni trovos ĉiujn detalojn pri la horoj, dum kiuj la akceptejo estos malfermita. Tamen, por plifaciligi la aranĝojn pri loĝado k. p., ni donas ĉi sube la informojn por la unuaj tagoj.

La akceptejo estos do malfermita (en la Reĝa Ateneo) :

Vendredon, la 18an, de la 2a ĝis la 5a kaj de la 7a ĝis la 10a vespere;

Sabaton, la 19an, de la 9a ĝis la 11a matene, de la 2a ĝis la 5a, kaj de la 7a ĝis la 10a vespere ;

Dimanĉon, la 20an : de la 9 ĝis la 12a matene, de la 2a ĝis la 5a, kaj de la 6a ĝis la 8a.

*La karavanestroj estas insiste petataj sciigi nin pri la dato, la horo kaj la loko de l'alveno de sia karavano ; eventuale ili skribu ankaŭ la nomon de sia ŝipo.*

Je sia alveno la kongresanoj estos akceptataj de antverpenaj samideanoj, kaj kondukataj en la akceptejon, kie ili prezentos la provizoran karton kaj ricevos sian definitivan kongreskarton, la kongresinsignon, la kongreslibron kaj ĉiujn aliajn dokumentojn. Montrante sian definitivan kongreskarton ili eventuale ricevos de la loĝiga komitato siajn rajtigilojn por loĝado kaj manĝoj.

Por la kongresanoj, kiuj alvenos antaŭ la 18a de aŭgusto, la akceptejo estos jam malfermita depost la 14a, ĉiutage de la 8a ĝis la 9a vespere.

Speciala oficejo por monŝanĝado estos starigita en la akceptejo.

* * *

**Kunvenejoj.** — La ĝeneralaj kunsidoj, la koncertoj kaj teatraj prezentadoj okazos en la Flandra Operejo, Kunstlei (Avenue des Arts) ; la fakaj kunsidoj(1), en la Reĝa Ateneo, Gemeenteplaats (Place de la Commune); la balo kaj la festeno, en la somera festhalo de la Reĝa Harmonia Societo, Mechelschesteenweg (Chaussée de Malines).

* * *

## Provizora programo de la kongreso.

### *A. Partoj alireblaj por ĉiuj gekongresanoj.*

*Vendredon, la 18an.* — Je la 2a, oficiala malfermo de la akceptejo.

*Sabaton, la 19an.* — Je la 9a matene, malfermo de la ekspozicio. Je la 8 1/2a, koncerto de la « Vagabonda klubo ».

---

(1) Krom la esceptoj, kiujn oni trovos sur la paĝoj 239 kaj 240.

*Dimanĉon, la 20an.* — Je la 7 1/2 vespere, prezentado de *Devo de Reĝo* (1), *Por kvietaj Personoj* (2) kaj *La Revuo de la Sepa* (3).

*Lundon, la 21an.* — Je la 9a matene, kunsido por elekto de naciaj delegitoj. Je la 3a, oficiala malferma kunsido. Je la 8a, aŭdigo de flandraj kantoj.

*Mardon, la 22an.* — Je la 3 1/2 a, koncerto en la Zoologia Ĝardeno (4). Je la 8a, unua prezentado de *Kaatje* (5) kaj koncerto en la Zoologia Ĝardeno, kaj pnblika kunsido de la Scienca Asocio en la festsalon de la Reĝo Ateneo.

*Merkredon, la 23an.* — Je la 8a vespere, dua prezentado de *Kaatje*. Publika kunsido de la Scienca Asocio (id.)

*Ĵaŭdon, la 24an.* — Je la 10a matene, ĝenerala labora kunsido de la kongreso.— Je la 3a, disdono de la premioj de la literaturoj konkursoj, raporto de S-ro ........, parolado de S-ro PRIVAT kaj koncerto. Je la 8a, koncerto en la Zoologia ĝardeno, diversaj akceptoj (6).

*Vendredon, la 25an.* — Posttagmeze, ekskurso sur la Skeldo. Je la 10a vespere, balo (7).

*Sabaton, la 26an.* — Je la 10a matene, ferma kunsido de la kongreso. Je la 7a vespere, festeno (8).

*Dimanĉon, la 27an.* — Je la 11a matene, manovroj de la

---

(1) Geinterpretontoj : S-ino LOLA CAREW, el Londono (la Reĝino) kaj S-ro ALFONS VAN DE VELDE, el Boom (la Reĝo). La aŭtoro, S-ro NESTOR DE TIÈRE, ĉeestos la prezentadon.

(2) Geinterpretontoj : F-inoj ADELA ŜEFER, el Londono (Elizabeto) kaj EUGÉNIE COLIJN el Gento (Lenjo) ; S-roj FERNAND DORÉ, el Troyes (Korus), OTTO JANN, el Esslingen (Henriko), KARLO URBEZ el Barcelona (Patro Knap), kaj EMIL NICOLAU, el Bukŭreŝto (la polica Komisario).

(3) Proksime 100 geinterpretontoj el Burnley, Edinburgo, Londono, Dresdeno, Aŭgsburgo, Budejovice, Bruselo, Boom, Berĥemo, Borgerhout kaj Antverpeno. Enscenejigo de S-ro ARIE VAN DEN HEUVEL, de la Reĝa Nederlanda Teatro de Antverpeno, kiu afable konsentis ludi rolon (la kompatinda Almozulo), kiel ankaŭ lia kolego S-ro JULES VERSTRAETE, de la sama teatro (la kompetenta Paroladisto).

(4) La koncertoj en la Zoologia ĝardeno estas alireblaj nur por tiuj, kiuj aĉetis en la akceptejo la priparolitan karton, valorantan dum ok tagoj.

(5) Geinterpretontoj : S-inoj MARIE VERSTRAETE (la Patrino), HÉLÈNE BERTRIJN (Kaatje) kaj MAGDA JANSSENS (Pomona) ; S-roj JULES VERSTRAETE (Jan) kaj VAN RIJN (la Patro), ĉiuj de la Reĝa Nederlanda Teatro de Antverpeno. Reĝisoro : S-ro ARIE VAN DEN HEUVEL, de la sama teatro.

(6) Ni klopodas nuntempe, por okazigi akceptojn en la nebelgaj societoj : en la *Deutscher Turnverein*, tia akcepto estas jam aranĝita.

(7) Ni esprimas la deziron, ke multaj gesamideanoj sin vestu per sia regiona kostumo ; la oficiroj bonvole venu uniforme vestitaj. De la aliaj festa vestado estas petata, sed ĝi ne estas deviga.

(8) La prezo por partopreni ĝin estos 5 fr. (2 Sm., sen trinkaĵoj). La kartoj por la festeno estos aĉeteblaj en la akceptejo, ĝis ĵaŭdo, la 24a de aŭgusto, vespere.

Ruĝa Kruco (1), sub la ĉefa direktado de la *Berĥema Esperantista Grupo*. Je la 3a kaj je la 8a, koncertoj en la Zoologia Ĝardeno.

**B. Kunsidoj de la oficialaj komitatoj.**

*Sabaton, la 19an.* — Je la 3a ptm. akcepto de D-ro Zamenhof kaj de la esperantista stabo en la Urbestrarejo.

*Mardon, la 22an.* — Je la 9a matene, kunsido de la rajtigitaj delegitoj. Je la 3a, kunsido de la lingva komitato. Je la 4a, kunsido de l' internacia konsilantaro.

*Merkredon, la 23an.* — Je la 9a matene, kunsido de la rajtigitaj delegitoj. Je la 3a, kunsido de la lingva komitato.

**C. Specialaj solenaĵoj, kunvenoj kaj festoj.**

*Katolikaj diservoj.* — Dimanĉon, la 20an, je la 8a matene, meso por la katolikaj esperantistoj en la Ĉefpreĝejo (kapelo de S-ta Jozefo); dum la meso okazos malgranda prediko kaj S-ta komunuiĝo. Dum la Granda Meso, je la 10a, seĝoj estos rezervitaj por tiuj kongresanoj, kiuj tion deziros; oni bonvole sin turnu al S-ro Pastro RICHARDSON, 121, rue du Marais, Bruxelles (antaŭ la 10a de aŭgusto). Tuj post la Granda Meso eliros la ĉiekonata jara procesio de la S-ta Virgulino. Dimanĉon, la 27an, je la 10 1/2a matene, meso kun esperanta prediko kaj kantado de himnoj en Esperanto; la diservo okazos en la Ĉefpreĝejo, kapelo de la S-ta Virgulino.

*Protestantaj diservoj.* — Dimanĉon, la 20an, je la 9a matene, diservo en la Protestanta preĝejo (Christuskirche), strato Bex, apud la Urba Parko (predikanto Ds W. A. VAN GRIETHUYSEN, el Antverpeno). — Dimanĉon, la 27an, je la 9a matene diservo en la Anglikana preĝejo, strato Grétry (predikanto la Respektinda S-ro CYPRIAN RUST, el Soham).

*Akcepto de la esperantistaj liberpensuloj kaj propaganda kunveno de la antverpenaj liberpensuloj.* Merkredon, la 23an, je la 8a vespere, en *Antwerpsch Koffiehuis* (Antverpena kafejo) Van Straelenstraat (kontraŭ la akceptejo). La antverpena liberpensularo akceptos la esperantistajn sampensulojn; poste okazos malgrandaj propagandaj paroladoj per flandra kaj per franca lingvoj por la antverpenaj liberpensuloj.

*Akcepto de la framasonoj.* — Mardon, la 22-an, vespere, la antverpenaj loĝioj akceptos la esperantistajn framasonojn en unu el siaj kunvenejoj. La ĉeestontoj estas petataj konigi sin jam nun al S° P. VÉRANCE, 25, Meistraat (rue du Mai), Antwerpen. Ili ricevos pluajn komunikaĵojn en la akceptejo de la kongreso.

---

(1) Tiuj ĉi manovroj okazos sur la St Jansplaats (Place St Jean). Ni faras al la esperantistaj kuracistoj specialan alvokon por ricevi ilian kunhelpon. Tiuj el ili, kiuj konsentas partopreni en tiu grava eksperimento, bonvole donu sian nomon en la akceptejo.

*Esperantista Psikisiaro.* Kunsidoj dimanĉon, la 20an matene, de la 10a ĝis la 11a, kaj merkredon, la 23an, vespere, de la 9a ĝis la 11a, en la kafejo *Anselmo*, 2, Anselmostraat (rue Anselmo).

*Akcepto de la kuracistoj kaj de la farmaciistoj.* — Merkredon, la 23an, je la 9a vespere, en la ĉambrego de l'unua etaĝo de la *Café Suisse*, Verda Placo (Groenplaats, Place Verte), la kuracistoj kaj la farmaciistoj kaj la sinjorinoj, kiuj ilin akompanos, estos akceptataj de la anoj de l' *Cercle Médical* kaj de l' *Société de Pharmacie*. S-ro D-ro D'HAENENS, prezidanto de la *Cercle Médical* kaj honora membro de la Sepa, faros bonvenigan paroladon ; S-ro D-ro ZAMENHOF dankos en la nomo de la gekongresanoj ; fine okazos intima koncerteto, kiun partoprenos membroj de ambaŭ societoj. Urba vestado.

*Scienca Asocio.* — Kunveno merkredon, la 23an, je la 4a.

*Unuiĝo de kristanaj viroj kaj junuloj.* Dimanĉon, la 20an de de aŭgusto, kunveno en la U. C. J. G., 111, Van Schoonbekestraat (rue Van Schoonbeke).

*Progresemaj esperantistaj laboristoj.* — Depost dimanĉo, la 20a, okazos kunsidoj en la sidejo de la Antverpenaj socialistoj *De Werker*, 152, Diepestraat (rue Basse).

*Ĉar ni ĝis nun ne ricevis ĉiujn demandojn, ni ne povis ankoraŭ fiksi la tagojn kaj la horojn de la fakaj kunvenoj.*

* * *

**Postkongresa vojaĝo.** — La jena vojirplano estas akceptita.

*Lundon, la 28an de aŭgusto.* — Vizito al Charleroi, nokteloĝado en Namur.

*Mardon, la 19an.* — Ekskurso al la grotoj de Han kaj al Dinant, nokteloĝado en Lieĝo.

*Merkredon, la 3oan.* — Vizito al Spa, promenado en Lieĝo, komuna vespermanĝo kaj koncerteto en Lieĝo.

*Ĵaŭdon, la 31an.* — Vizito al Ostendo kaj Brugo.

*Vendredon, la 1an de septembro.* — Vizito al Gento.

*Sabaton, la 2an.* — Vizito al Bruselo ; alveno en Meĥleno (Mechelen, Malines) vespere por ĉeesti la mondfaman koncerton de sonorilaro ; autaŭ noktmezo reveno al Antverpeno.

Ĉiuj partoprenantoj en la postkongresa vojaĝo devos mendi specialan *fervojan kvintagan abonkarton*, kies prezo estas 11,75 fr. (3a klaso) aŭ 20,50 fr. (2a klaso). Ili devos prezenti al la fervoja oficejo fotografaĵon (6×4 cm., la kapo almenaŭ 1 cm. alta). Plej profite eble estos por multaj kongresanoj venantaj el Germanujo kaj Francujo aĉeti *dekkvintagan abonkarton* (23.50 fr. kaj 41 fr.). Sufiĉas fari ĝustatempe peton al la estro de la limstacio, aldoni portreton kaj sciigi al li, kiun tagon kaj horon oni alvenos; la karto estos preta kaj havos tujan valoron. Garantio de 5 frankoj estas postulata ; ĝi estos repagata je l'fino de l'vojaĝo.

Por ke ni povu eventuale interkonsenti kun la fervoja administracio pri specialaj aranĝoj, ni devas scii, kiom da partoprenantoj havos proksimume la postkongresa vojaĝo : pro tio ni tas ĉiujn samideanojn, kiuj decidis kunvojaĝi, ke ili resendu tuj al ni la ĉi aldonitan karton.

La postkongresa vojaĝo (veturo en 3a klaso, loĝado kaj manĝoj) kostos proksimume 40 Sm.

* * *

**Kongreso de U.E.A.** — La dua kongreso de la *Universala Esperanto Asocio* okazos en Antverpeno, de la 27a ĝis la 30a de de aŭgusto 1911, tuj post la Sepa kongreso, de kiu ĝi estas sendependa. La celo de ĉi tiu kongreso estas ekzameno pri la plenumita agado kaj fiksado de la laboroj por la venonta jaro. La kongreskotizaĵo estas fiksita nur je 2 Sm. (kun la oficialaj dokumentoj). Krom tio, la personoj, kiuj ne povas ĉeesti la kongreson, sed deziras ĝin helpi kaj ricevi la kongresan dokumentaron, povas aliĝi kiel helpkongresanoj, pagante 1 Sm.

* * *

**Leteroj kaj telegramoj.** — Por plifaciligi la disdonadon de leteroj kaj telegramoj al la kongresanoj, ni petas tiujn ĉi, ke ili donu instrukciojn al siaj korespondantoj laŭ la jenaj informoj :

Oni metu sur la adresflankon : la nomon de la kongresano, la mencion « Esperanta Kongreso » la kongresan numeron, kaj la nomon de la urbo. Ekzemple, por letero aŭ alia poŝtsendaĵo :

*Al Sinjoro*
FRANÇOIS DUPONT
*Esperanta kongreso, n-ro 16*
ANTWERPEN.

Por telegramo :

DUPONT
*Esperanta kongreso 16*
ANTWERPEN.

La rekomenditajn aŭ enskribitajn leterojn oni adresu al la sekretario-kasisto de la Sepo, aldonante sur la koverto la nomon kaj la kongresnumeron de la kongresano, al kiu oni skribas, ekzemple :

*Enskribita.*

Al S-ro D-ro W. VAN DER BIEST,
Sekretario-Kasisto de la Sepa Kongreso de Esperanto.
(Por S-ro G. D. Buchanan, n-ro 200.)
ANTWERPEN.

**Rekomendataj firmoj.** — Ni konsilas al la gekongresanoj, ke ili prefere vizitu la butikojn, trinkejojn kaj restoraciojn, sur kies montraj fenestroj ili vidos *afiŝon kun verda stelo.*

* * *

Kaj nun, karaj gekongresanoj, ĝis agrabla interkonatiĝo aŭ revido, en nia bela Skeldurbo! Ni esperas, ke ni povos inde akcepti vin, kaj al vi diri, kiel diris la gekvaranoj — kiuj nun tiel fervore propagandas la Sepan — : « Ĉio estas preta ; venu nur, sed venu grandare ! »

LA SEPO POR LA SEPA:

**Van der Biest-Andelhof,** *Prezidanto ;* **O. Van Schoor,** *Vicprezidanto ;*
**D-ro W. Van der Biest,**
*Sekretario-kasisto (Adreso : 76, Minderbroedersrui, Antwerpen);*
**M. Posenaer, L-to F. Dupont, L. Ritschie, F. Schoofs.**

---

## Nomaro de la kongresanoj aliĝintaj antaŭ la 4a de aŭgusto 1911

1073. F-ino Woolley, Minnie, Garwick, Stow-on-the Wold (Gloucestersh.-Angl.)
1074. Haynes, Arthur Ernest, komerca komizo, 6 Clarence Rd. S. O. Eagleschiffe (Durham) »
1075. Richardson, William, Robert, registristo, 43, Clarendon Villas Hove-Brighton (Sussex) »
1076. F-ino Henning, Anna, Bülowstr., 2, Bromberg (Posen-Germ.)
1077. Szymanovski, Eduard, teĥnika fervoja supera oficisto, Wederstrasse, 23, Bromberg (Posen-Germ.)
1078. S-ino Szymanovski, Wederstrasse, 23, » » »
1079. F-ino Sevenhuysen, Cornelia Johanna, instruistino, Geel Volgracht, 20, Haarlem (Holand.)
1080 F-ino Vanderstegen, Bertino, Fortuinstr., 12, Antwerpen (Belg.)
1081. S-ino Bayol, 11, Route de Clermont, Marissel-près-Beauvais (Franc.)
1082. S-ino Jenckel, instruistino, Reismühle, 14, Hamburg, 24, (Germ.)
1083. Kraft, Willy, Steinweg, 10, Braunschweig »
1084. Taubmann, H. J., instruisto, Webergasse, 340, Haida (Boh.-Aŭstrio)
1085. Fellows, Dana Willy, dentisto, 17, Hill, Portland (Maine-Usono)

1086. F-ino Holden, Louisa, instruistino, Cheshamstr., 28,
Bradford (Yorks.-Angl.)
1087. S-ino Chadwick, 8, Drahe Street, Rochdale »
1088. Smith, Thos, London Rd, Alderley Edge, Manchester »
1089. Lavrenson, J., 54, Cyprus Street, Prescot (Lancas.- »
1090. Lavrenson, G. J., Quarry Bank, Whiston »
1091. F-ino Inman, Dorothy, instruistino, Colchester Rd., 6,
Halstead (Essex- »
1092. F-ino Inman, Z. A., Colchester Rd., 6, » » »
1093. Patro Offenberg, Eucharistisch Collegie, Esschen (Grens-Belg.)
1094. D-ro Ŝidlovskij, Konstantino, kuracisto, M. Bronnaja, 15, loĝ. 74,
Moskva (Rusujo)
1095. F-ino Ŝidlovskaja, Maria, subkuracistino, M. Bronnaja, 15, loĝ. 74,
Moskva (Rusujo)
1096. Moreau, Daniel, oficisto, d'Orleans, 85,
Romorantin (Loire-et-Cher-Franc.)
1097. F-ino Chazelle, Zoé, instruistino, » » »
1098. Polgar, Victor, estro de Centra Presejo Esperantista, 33, rue Lacépède,
Paris (Franc.)
1099. S-ino Harvey, 31, Comiston Drive, Edinburgh (Angl.)
1100. Beaumont, Sidney, komizo, 19, Upper Mount St. Lockwood,
Huddersfield (Yorks.-Angl.)
1101. F-ino Beaumont, Maggie, teksistino, 19, Upper Mount St.-Lockwood,
Huddersfield (Yorks.-Angl.)
1102. F-ino Taylor, Louisa, Oakwel Newsone Rd., » » »
1103. Begiŝev, Starij gostinnij dvor, 52, Moskva (Rus.)
1104. S-ino Begiŝev, Starij gostinnij dvor, 52, » »
1105. Hall, H. S., 9414, Gorman Ave, Cleveland (Ohio-Usono)
1106. F-ino Weems, E. W., 1078, Union Trust Bldg, Baltimore (Md. »
1107. Lee, G. W., 147, Mille St., Boston (Mass. »
1108. S-ino Lee, 147, » » » » »
1109. Broadbury, Henry, guvernisto, Avondale Pavilion Rd.,
Worthing (Sussex.-Angl.)
1110. Isaac, C. P., ŝtatoficisto, 78, Malvern Rd., Thomton Heath,
Croydon »
1111. Wartmann, H. Ad., Chemin Krieg, 5, Malagnou, Genève (Svis.)
1112. S-ino Wartmann, » » » » »
1113. Queste, Gustave, profesoro, 44, rue Jeanne d'Arc Amiens (Franc.)
1114. F-ino Queste, Marthe, instruistino, 44, rue Jeanne d'Arc, » »
1115. Vogel, Josef, privata sekretario, Westernstr., 27,
Paderborn (Westf.-Germ.)
1116. S-ino Pottier, rue Pétrelle, 34. Paris (Franc.)
1117. F-ino Pottier, instruistino, rue Pétrelle, 34, » »
1118. Briggs, Gilly, violonisto, 33, Glisson Rd., Cambridge (Angl.)
1119. Collirr, Tregonwall Edmond, konfitisto, 14, Grookside, » »
1120. Champy, Léon, ingenieur-civil, Longne rue D'Herenthals, 19,
Anvers (Belg.)
1121. Aussenac, Gérard, lokomotivejestro, Saint Dizier (Haute Marne-Franc.)
1122. Fauvart-Bastoul, Leon, eksskadrestro de kavalerio, Kastelo de la Guilbarderie, Autry-le-Châtel (Loires Franc.)
1123. S-ino Fauvart-Bastoul, Kastelo de la Guilbarderie,
Autry-le Châtel » »
1124. F-ino Champy, Gabrielle, Longue rue D'Herenthals, 19, Anvers (Belg.)
1125. Marvin, George, Ilkeston Rd., 211, Nottingham (Notts-Angl.)
1126. S-ino Marvin, » » » » » »
1127. Bekkers, Gustaaf, oficisto, Ramstraat, 7, Antwerpen (Belg.)
1128. Boirac, Emile, rektoro de universitato, 2, rue Crébillon,
Dijon (Côte d'Or-Franc.)

1129. S-ino Boirac, 2, rue de Crébillon, Dijon (Côte d'or-France.)
1130. F-ino Boirac, 2, » » » » » »
1131. Browne, G. L., rue de Clichy, 51, Paris »
1132. F-ino Royer, Marie, rue Bremontier, 14, » »
1133. Albato Desray, Charles, profesoro, Institution St. Joseph, Aucenis (Loire-Inferieure-Franc.)
1134. F-ino Roskes, H. Th., Goes (Holand.)
1135. F-ino Van Dyk, C., Kade, 108, » »
1136. Ducrocq, oficestro fervoja, 22, rue du Cange, Amiens (Franc.)
1137. S-ino Ducrocq, 22, rue du Cange, » »
1138. F-ino Dugrocq, 22, rue du Cange Amiens (Franc)
1139. F-ino Hazard, » » » » » »
1140. S-ino Osborne, Chesnut Rd., 80, Plumstead (London S. E.-Angl.)
1141. F-ino Tovey, L., 6, Gossage Rd, » » »
1142. Haller, George Dennis, orgenisto, 47, Tunard Street, Boston(Lincolns.-»
1145. F-ino Clarke, Maud, Linden Grove, Beeston (Notts.- »
1146. Bouvier, L., pharmacien, Poix de la Somme (Franc.)
1147. Xercavius, Josefo, lignajisto, (el Sabadell, Hispan.), Albert Simonin, Courbevoie (Seine-Franc.)
1148. D-ro Hanau, Jacob, kuracisto, Moritzstr., 32ı, Wiesbaden (Germ.)
1149. S-ino Hanau, Moritzstr., 32, » »
1150. Bruch, Hans, bankoficisto, Lindenstr., 3-5II, Hamburg «
1151. Barraud, Jules Alexandre, batalionestro, Ecole special militaire, Saint Cyr (Seine-Oise-Franc.)
1152. Chaigneau, Camille, verkisto, rue de Donai, 6, Paris »
1153. S-ro Milnes Coupure, 52, Gent, Belgujo.
1154. D-ro Camuzet, 9, rue Jules Simon, Rennes (Franc.)
1155. D-ro Goubeau, George, kuracisto, rue Charrue, 20, Dijon »
1156. S-ino Goubeau, rue Charrue, 20, » »
1157. Ranfaing-Zabilon d'Hev, Charles, instruisto, rue Sala, 17, Lyon »
1158. S-ino Ranfaing-Zabilon d'Hev, profesorino de ortofonio, » » »
1159. Meulen, Henry, ŝtatoficisto, 19, Bascombe Rd., Shephards Busch, London W. (Angl.)
1160. F-ino Beatty, Ann E., Cardington (Ohio) (Usono)
1161. Robinson, Georg Somwille, eksmilata kuracisto, Hayes Barton (Sussex-Angl.)
1162. Beattie, Malcolm, oficisto de bengala pilota servado Hindujo, 34, Upper Avenue, Eastbourne (Sussex- »
1163. F-ino Parker, Mary, 25, Wellington Crescent, Shipley (Yorks.- »
1164. D-ro de San Milano, Rafael, kuracisto, Calle de Fuencarral, 74, Madrid (Hisp.)
1165. S-ino de San Milano, Calle de Fuencarral, 74, » »
1166. F-ino Harvey, Minnie, Menton Terrace, 35, Edinburgh (Skot.)
1167. F-ino Harvey, Harriet, » » » »
1168. Forbes, James Thoms, muzikvendisto, King'sRd., 44, Dundee »
1169. Brand, Joshua S., orgenisto, Nethergate, 86, » »
1170. Grieve, Alfred B., Ferry Street, 34, Montrose »
1171. Mackey, Charles Z., » »
1172. F-ino Jolly, Marry C., instruistino, Admiral Terrace, 6, Edinburgh »
1173. Hodler, Hector, direktoro de U.E.A., 10, rue de la Bourse, Genève (Suis.)
1174. Etchells, Frederick, presisto, Maple Rd., 15, Poole (Dorset-Angl.)
1175. Birot, François, instruisto, rue Saumuroise, 150, Angers (Maine-Loire-Franc.)
1176. Unger, E. R., komercisto, Plattenstr., 16, Zürich (Svis.)
1177. Kakas, Ferencz, laboristo, Lichtstr., 67, Düsseldorf, (Germ.)
1178. Sarstedt, Otto, komercisto, Knochenhauerstr., 10, Hannover, »
1179. Sarstedt, Fr. Wilhelm, » » » » »
1180. F-ino Gee, Mary, robfaristino, Beeck St., 25, Pipdock, Huddersfield, (Yorks.-Angl.)

1181. F-ino Lawton, Winifred, robfaristino, St.John Rd, Birkby, Huddersfield, (Yorks-Angl.)
1182. F-ino Clark, Constance Blanke, Blacker's Rd North, 43, Birkby Huddersfield (Yorks-Angl.)
1183. S-ino Farges, 36. rue Victor Hugo, Lyon (Franc.)
1184. Peyraud, Benoit, rubanddesegnisto, 54, rue de la Prefecture, St. Etienne (Franc.)
1185. S-ino Peyraud, 54, rue de la Prefecture, » »
1186. Wolf, Jules, fabrikestro, Parc, 130, La Chaux de Fonds (Svis)
1187. S-ino Wolf, Parc, 130, » » » » »
1188. Eoorman, Arthur Charles, komp. sekretario kaj kalkulisto, Rectory Avenue, High Wycombe (Buckinghams.—Angl.)
1189. F-ino Cox, Alice B., instruistino, Curzon Rd, 4, Bradford (Yorks.- »
1190. Herbert, Edge, Cliffe Street, 45, Richton (Lancas.- »
1191. Barnes, Station Rd, » » »
1192. F-ino Trafford, Minnie, librotenistino, Waverley Rd, 98, Bradford, (Yorks.- »
1193. F-ino Binns, Clara, Salt Street, 125, » » »
1194. Brittain, R. F., 5, Bon Lea Terrace, Thornaby on Tees » »
1195. Foster, P., Southport » »
1196. Foster, C., » » »
1197. Jakeš, Antonin, Nova ulice, 19, Č.Budejovice (Bohem.)
1198. Gilbert, Joseph, kuracisto, rue de la Petite Douve, Saumur (Franc.)
1199. S-ino Gilbert, » » » » »
1200. F-ino Perrin, Cécile, instruistino, rue de la Fidelité, » »
1201. Bettges, Johann, librotenisto, Heinitzstr., Essen-Ruhr (Westf.-Germ.)
1202. F-ino Muir, E. S,, West Coates, 1, Edinburgh (Skot.)
1203. Craig, John, vojaĝisto, GlenStreet, 35, Paisley »
1204. Scott, Alexander Oliver, komizo, Park Terrace, 5, » »
1205. Wilson, John, inĝeniero, West Croft Street, 8, » »
1206. F-ino Blake, Mary, L., brodistino, Harlesden Gardens, 35, London (Angl.)
1207. F-ino Rowland, Maud, artistino, » » » «
1208. Raimond, Albert, vinkomercisto, rue Gossec, 11, Paris (Franc.)
1209. Jégu, Georges, notaria ĉefoficisto, rue de la Paix, Laval (Mayenne-Franc.)
1210. Buisson, Firmin, Quai Sadi Carnot, » » »
1211. S-ino Buisson, » » » » » »
1212. F-ino Hoffmann, E., Markstr., 11 I., Wiesbaden (Germ.)
1213. F-ino Doria, Helene, 1, rue de Babylon, Paris (Franc.)
1214. F-ino Magdeburg, Carola, Wilhelmshöherallée, 27, Cassel (Germ.)
1215. Hatton, Joshua Thomas, sekretario de kompanio, Slyne Rd, 22, Lancaster (Angl.)
1216. Heywood, John James, fervoja inĝeniero, Ashton Rd, Lancaster »
1217. Fino Shapley, Any, Westwood, Spicer Rd, Exeter (Devonsh. »
1218. S-ro Knegt, Albert, oficisto de poŝtoj kaj telegrafoj, Batavia, (Hol. Hind.)
1219. F-ino Körner, Alwine, Sandweg, 8, Braunschweig (German.)
1220. F-ino Volkmann, Irmgard, Bertramstr., 56, » »
1221. F-ino Fehlmann, C., 3, rue de Tourville, Havre (Franc.)
1222. Denis, H., 29, rue Fontenoy, » »
1223. Ternon, A., 4, rue Helene, » »
1224. Lamant, Louis, bankoficisto, Faubourg du Pont Neuf, 7, Limoges »
1225. Denis, Louis, oficisto, 3, Faubourg Croix Maudonnaud, » »
1226. Berland, Leon, oficisto, 7, rue de la Paix, » »
1227. F-ino Wegner, Martha, Kempelstr., Bromberg (Germ.)
1228. Dollez, Willem, ortopedisto, StJansstr., 76, Antwerpen (Belg.)
1229. F-ino Bock, Katharina, Grünauerstr., 17, S O. Berlin (German.)
1230. Hitzel, Louis, kompostisto, 36, rue de Frères Herbert, Levallois Peret ap. Parizo (Franc.)
1231. F-ino Florent, Odile, instruistino, Sébourg (Nord-Franc.)
1232. F-ino Campbell, Alice Bond, Kon[illegible]zino, 63, Bowden Rd, Smethwick (Birmingh.-Angl.)

1233. F-ino Jones, Doris Edith, komizino, 37, Holliday Rd. Handsworth (Birmingh.-Angl.)
1234. Rackley, Joseph, poŝtoficisto, 6, Crawhey Road, Wood Green, London N. (Angl.)
1235. F-ino Rackley, » » » »
1236. F-ino Tordoff, Lizzie, 38, Croft Terrace, Gt Horton, Bradford (Angl.)
1237. F-ino Hirst, Alice, Victoria Rd, 160, Lockwood, Huddersfield (Yorks.-Angl.)
1238. F-ino Smith, Annie, Beutley St., 29, » »
1239. F-ino Beaumont, Lily, Forest Terrace, 113, Almonbury Bank, Huddersfield (Yorks.-Angl.)
1240. Wildig, William Henry, instruisto, Ash Tree Rd., Pelsall (Walsall.-»
1241. Jessop, Frank, leĝisto, 4, Mount Villas, Mansfield »
1242. Banks, G. H., fervoja konduktoro, 60, Pershore Rd, Stirchley, Birmingham »
1243. Nelles, Ferdinand, ministo, Ayeneux, poŝto Fleuron (Liège-Belg.)
1244. Simons, D.J., helpa polickomisario, Lange Elzenstr., 10, Antwerpen (Belg.)
1245. S-ino Habermehl-Sevenhuijsen, Kinderhuissingel, 30, Haarlem (Hol.)
1246. F-ino Blom, Johanna Jacoba, instruistino, Raamvest, 21, Haarlem (Hol.)
1247. Poucet, Louis, studento de medicino, 17, rue St. François d'Assise, Lyon (Franc.)
1248. Brienne, Fernand, bankoficisto, rue de Paris, 29, Taverny (Seine Oise- »
1249. S-ino Lannelongue, 24, rue du Cherche Midi, Paris »
1250. Butler, J. L., instruisto, Douglas House, Cheltenham (Angl.)
1251. F-ino Garbutt, Edith E., Alexander Rd, Acocks Green, Birmingham »
1252. Garbutt, William Henry, jurnalisto, Princes Chambres, Corporation St., Birmingham, (Angl.)
1253. F-ino Dowall, N. Mc., 170, Dercham Rd, Norwich »
1254. Winkelmann, Sergius, artpentristo, Gewandsstr., 3, Dresden (Germ.)
1255. S ino Winkelmann, » » » »
1256. F-ino Winkelmann, » » » »
1257. F-ino Bishop, Henriette, sekretarino, 5, Alexandra St., Cambridge (Angl.)
1258. Egli, Edwin Oscar, komercisto, 4, Splügenstr., Zürich II, (Svis.)
1259. Tillet, Jacques, keramisto, Impasse Fontaney, Limoges (Franc.)
1260. Günther, Jan, kolonelo, Wlodzimierska, 8, Warszawa (Pol.)
1261. F-ino Morawetz, Ella, redaktorino de la « Marto », Burgring, 12, Graz (Stirio-Aŭstrio)
1262. Delaviguette, Oscar, inĝeniero, Merbes b. Chateau (Hainant-Belg.)
1263. Foupuet, Josef, havenleŭtenanto, Schaapstr., 26, Gent »
1264. Otto, Guido, instruisto, Heydnstr., 2, Plauen i. V. (Germ.)
1265. F-ino Küster, Magarete, Halberstädterstr., 129 B, Magdeburg (Germ.)
1266. Schubert, Hermann, Alter Markt, 17, » »
1267. Sorgler, Alfred, posedanto de presejo, Moldenstr., 19, » »
1268. Göring, Paul, kompostestro, Salzwedelstr., 4, » »
1269. Hoen, H. J., redaktoro, Schrotestrasse, 68, » »
1270. F-ino Servrankx, Renée, 30, Kortrijkschesteenweg, Gent (Belg.)
1271. Baehr, Hans, komercisto, Tobiashammer, Ohrdruf (Germ.)
1272. Blott, Arthur, solicitor, Korosko, Crowstone Rd., Hoath, Westcliff-on-Sea (Angl.)
1273. Legrand, Léon, bankoficisto, 67, Route d'Alençon, Le Mans (Sarthe-Franc.)
1274. Autin, Amédée, farmaciisto, rue de la Mariette, » » »
1275. Colas, Claudius, publicisto, rue d'Angoulème, 20, Paris » »
1276. Clarke, Edwin L., instruisto, Canon City, (Usono)
1277. Oblin, Louis, oficisto, Avenue de Pilliers, 52, La Varenne-St Hilaire (Franc.)
1278. Vanderrielle, Rachel, profesoro de stenografio, 56, rue du Petit Bois, Park St Maur, (Franc.)

1279. Priestman, Graham, lernanto, Welbury Drive, Bradford (Angl.)
1280. Middlehurst, N. F., 70, Slog Lane Lowton, Newton le Willows (Angl.)
1281. S-ino Middlehurst » » » » » » »
1282. F-ino Webster, Annie, 35, Church Street, Southport (Lancas-Angl.)
1283. O'Connor, Patrick, 8, Lowe St., Golborne » »
1284. F-ino Haupt, Marie, Königstr., 57, Altona (Germ.)
1285. Krajĉik M., inĝeniero doktoro de matematikaj kaj fizikaj sciencoj, Minsk (Rus.)
1286. F-ino Morgan, Hannah, instruistino, Holly Bank, Grange, Estate, Stockton-on-Sees (Durham-Angl.)
1287. D-ro Ledermann, Richard, gimnazia profesoro, Singerstr., 7, Augsburg (Germ.)
1288. F-ino Ceulemans, Sarah, 24, Albert Grisarstraat, Antwerpen (Belg.)
1289. F-ino D'Hoossche, Maria Louise, Twaalf Kamerstraat, 1, Gent (Belg.)
1270. Blazek, Josef, impostadministranto, Bahnhofstr., 14, Teplitz-Schönau (Bohem.)
1291. F-ino Fischer, Berta, librotenistino, Dammstr, 427, Turn-Teplitz (Bohem.-Aŭstr.)
1292. D-ro Freisinger, Isidor, urbkuracisto Schlossbergstrasse Turn-Teplitz (Bohem-Austr.)
1293. Kunze, Rudolf, librotenisto, Schlossbergstr., » » »
1294. Loth, Emiljano, (el Varsavio), Culmansstr., 10, Zürich (Svis.)
1295. F-ino Wicart, Marie, 77, rue du Fontenoy, Roubaix (Franc.)
1296. Mc. Pherson, Charles, stenografiisto, 60, Devonshire Rd, Cambridge (Angl.)
1297. Van de Velde, Jan, Oranjeboomstraat, 222a, Rotterdam (Hol).
1298. Zamenhof, Adam, kandidato de medicino, 14, Avenue, Sulliemin, Lausanne (Svis.)
1299. F-ino Zamenhof, Sofio, studentino de medicino, 11, Solitude, Lausanne, »
1300. F-ino Leach, Mary Julia, Amherst (Mass.-Usono.)
1301. Vivian, Richard E., 8, Stirling, Street, Hull (Angl.)
1302. F-ino Vivian, 8, Stirling Street, » »
1303. Candy, William Henry, komizo, 136, Lynton Rd, Bermondsey, London (Angl.)
1304. Serbin, Vjaĉeslav, advokato, Borzikovskaja, 10, Ekaterinodar (Kubanska Oblast-Rus.)
1305. Zepler, Elias, komercisto, Goethestr., 42/44, Breslaŭ (Germ.)
1306. Freund, Siegmund, komercisto, Moritzstr., 50, » »
1307. Mahn, Georg, komercisto, Albrechtstr., 43, » »
1308. Selcraig, Robert, ĉe Cameron, ĵurnalisto, Bellevue Crescent, 17, Edinburgh (Skot.)
1309. Weisz, Simon, Montenstraat, 124, Borgerhout (Belg.)
1310. Libera Penso, Internacia Societo Esperantista de liberpensuloj, Antwerpsch Koffiehuis, Van Straelenstr. 6, Antwerpen (Belg.)
1311. Grimmit, Vincent, komerca vojaĝisto, 209, High Str., Lewisham, S E, London (Angl.
1312. Blackham, Karlo P., oficisto de la High Court of Justice Ireland, Garvile Avenue, 14, Rathgar, Dublin (Irl.)
1313. F-ino Clarke, G., 37, Unthang Rd, Norwich (Angl.)
1314. Sultzberger, Max, rentulo, 13, Chatsworth Rd., Croydon (Surrey-Angl.)
1315. Hahn, Walter, instruisto, Zwickauerstr., Chemnitz-Schönau (Germ.)
1316. Cestre, Louis, eksprofesoro, rue Faidherbe, 10, Auxerre (Yonne-Franc.)
1317. Brachet, Paul, fabrikanto, 44, rue de Sèze, Lyon (Franc.)
1318. S-ino Neyrand, rue de Hamma, 11, Alger (Alĝerio)
1319. Spinner, René, inĝeniero, Avenue de la Boule d'Or, 2, Romilly sur Seine (Franc.)
1320. S-ino Spinner, Avenue de la Boule d'Or., 2, » » » »
1321. S-ino Tricolet, Impasse des Tanneries, 3, Bordeaux (Gironde- »

1322. F-ino Tricolet, Impasse des Tanneries, 3, Bordeaux (Gironde-Franc.)
1323. Sabadell, Alfonso, agento de la New York Life I. C, Diputacion, 280, Barcelona (Katal.)
1324. S-ino de Sabadell, Diputacion, 280, » »
1325. F-ino Sabadell, Doleres, Diputacion, 280, » »
1326. Artaud, Jean, oficisto de la malrektaj kontribucioj, 2, rue Villeneuve, Alfortville (Seine-Franc.)
1327. Deschamps, Henri, advokato, Pont Audemer (Franc.)
1328. Giraudet, Claude, instruisto. St Voir par Neuilly le Réal (Franc.)
1329. S-ino Giraudet, instruistino, » » » » »
1330. Novotny, Jan, laboristo, Skuhrov, Železny Brod (Bohem.)
1331. Rondelez, Romain Arthur, direktoro de ŝpinejo, Avenue Bayard, Armentières (Nord-Franc.)
1332. Jakob, Erik, studento, Ecole Cle, Houplines » »
1333. F-ino Jacob, Marie Jos., profesorino, » » » » »
1334. Dégardin, Ignace, instruisto, rue du College, Armentières (Franc.)
1335. S-ino Dégardin, instruistino, » » » » »
1336. Alvarez Vazquez, Isaŭro, komerca oficisto, Ivy Lea, 13, Carlyle Rd, Edgbaston, Birmingham (Angl.)
1337. Duviard, Ferdinand, studento, 55, rue Vaugirard, Paris (Franc.)
1338. Blakey, Harry, komizo, 51, Royal Park Terrace, Leeds (Yorks-Angl.)
1339. S-ino Blakey, » » » » » » »
1340. F-no Ardeon, Maude, lernejestrino, 51, Royal Park Terrace, Leeds (Yorks.-Angl.)
1341. F-ino Giles, Margareti A., Knowle Rd., 2, Burley, Leeds » »
1342. F-ino Briggs, Louise, muzikinstruistino, 146, Jown Street Armley, Leeds (Yorks,-Angl.)
1343. F-ino Körner, Frida, Fürstenstr., 84, Plauen i. V. (Germ.)
1334. Naudan, Auguste, 6, Savigny-lez-Beaune (Côte d'Or-Franc.)
1345. Köningsberger, Max, komercisto, Solgerstr., 41, Nürnberg (Bavar.)
1346. Hulme, Alfred J., artpentristo, 10, Delamere Rd, Wimblendon, London (Angl.)
1347. S-ino Macary, Bormand, 26, Lyon (Franc.)
1348. Chardenot, Léon, kontrolisto de pesiloj kaj mezuriloj, rue de Botz, Laval (Mayenne-Franc.)
1349. Luce, Richard, kuracisto, 42, Friar Gate, Derby (Angl.)
1350. Caris, Jozefo, oficisto, St. Jansstraat, Borgerhout (Belg.)
1351. F-ino Wallis, Mary, instruistino, 52, Leigham Court Rd, Streatham, London (Angl.)
1352. Houbart, Emile, direktoro de « La Movado », 31, Boulevard St. Marcel, Paris (Franc.)
1353. S ino Blott, Korosko, Crowstone Rd. North, Westcliff-on-Sea (Angl.)
1354. Monnot, Louis, Commis à l'Academie de Paris, 36, rue Paul Cavaré, Rosny-sans-Bois (Seine-Franc.)
1355. S-ino Monnot, instruistino, 36, rue Paul Cavaré, Rosny-sans-Bois (Seine-Franc.)
1356. D-ro Comoy, kuracisto Luché Pringé (Sarthe.- »
1357. F-ino Nouet, J., instruistino, » » » »
1358. Richard, Paul, veterinario, St Jean, 20, Saumur (Maine-Loire- »
1359. Abato Chevallier, rue Riveray, 34, Levallois-Paris (Franc.)
1360. Blaise, Auguste, rue des Artistes, 8, Laeken-Bruxelles (Belg.)
1361. S-ino Blaise, rue des Artistes, 8, » » »
1362. Pitman, William, kolonelo, 115, Coleherne Court, London (Angl.)
1363. Simpson, Thomas, fabrikisto de fortepianoj, 20, Church Rd, London (Angl.)
1364. S-ino Simpson, 20, Church Rd, » »
1365. D-ro Besser, Max, kuracisto, Süderstr., 157 I, Hamburg (Germ.)
1366. Millien, François, buĉisto, Avenue de Villiers, 111, Paris (Franc.)
1367. F-ino Moine, P., instruistino, Poisson (Saône-Loire- »

# Portu ĉiam la Verdan Stelon

PAROLADO

(Charleroi, 4 junio 1911)

Karaj Gesamideanoj !

Unu el la temoj plej ofte pritraktataj dum niaj kunvenoj estas tiu de la propagando. Evidente estas, ke la praktika uzebleco de Esperanto nur dependas de ĝia disvastiĝo, kaj ke certe nia movado algajnos la tutan mondon, kiam ni estos konvinkintaj la homaron ke ĉiuj povas *tuj* akiri gravajn profitojn lernante la internacian lingvon.

Ni estas en la situacio de komercisto, kiu volas diskonigi ian novan produktaĵon. Kiamaniere atingi tiun celon ?

Presigi cirkulerojn, propagandilojn, organizi publikajn paroladojn ? k.t.p. ? Tiuj rimedoj certe donus rezultatojn, sed ne sufiĉajn kompare kun la elspezoj faritaj, ĉar la paperaĵoj plej ofte ne estas legataj kaj la paroladoj (sen lumbildoj) malofte estas sukcesplenaj. Ĉu vi ne kredas ke la rezultatoj estus multe pli bonaj se la komercisto povus paroli al ĉiuj siaj aĉetantoj, klarigi al unu post la alia la taŭgecon de sia vendaĵo ? La komercisto bedaŭrinde ne povas uzi tiun rimedon, ĉar li estas sola kaj liaj klientoj multnombraj, sed ni, kiuj estas *centoj da miloj* da vendistoj de Esperanto, ni povas, kaj nepre, devas, uzi la individuan propagandon.

Sed, kiamaniere fari tiun propagandon ? Ĉar se ĉiufoje kiam ni renkontos amikon aŭ konatulon, ni ekparoladas pri Esperanto, ni baldaŭ estos konataj kiel maniuloj aŭ eĉ frenezuloj. Ne, ni estu lertaj kaj uzu unu el la plej gravaj ecoj de la homa koro : la scivolemecon ! Nu, por atingi tiun rezultaton, ŝajne tre malfacila, ni tute simple bezonas porti la verdan stelon !

Jes, mi pretendas, ke tiu malgranda insigno sufiĉas por potence kunhelpi al la sukceso de Esperanto.

Efektive, se vi sekvas mian konsilon, kio okazos ?

Ni supozu ke vi renkontu unu aŭ alian konatulon.

Tre verŝajne la jena interparolado komenciĝos :

— Bonan tagon, amiko, kiajn novaĵojn ? Cu vi fartas bone ?

— Jes, dankon, kaj vi ?

— Ho ! kion signifas tiu stelo ? Mi neniam vidis ĝin !

— Nu, eksciu, mia karulo, ke tiu malgranda insigno estas vera talismano, dank' al kiu mi povas iri en ĉiun landon kaj ĉiam esti komprenata, dank'al kiu mi trovos ĉie afablajn kaj komplezajn amikojn.

— Vi volas ŝerci ?

— Ne tute ne, mi parolas tre serioze.

— Kaj diru al mi, kiamaniere oni povas akiri tiun mirindan potencon ?

— Ho, tute simple, lernu Esperanton !

Kaj la vojo estos malfermata por detalaj klarigoj pri nia lingvo, kaj vi certe estos atente aŭskultata.

Sed ni imagu nun, ke via interparolanto jam vidis aliajn stelportantojn. Tiam, interesate, li rimarkos : « Ĉu vi ankaŭ estas Esperantisto ? »

— Ho certe, vi scias, ni estas nun tre multnombraj, ĉar la lingvo estas tiel facile lernebla !

Fine kiam tiu aventuro estos okazinta kelkajn fojojn al la sama persono, preskaŭ certe ĝi fariĝos samideano. Aksiomo de la reklamarto estas : Reklamo ofte ripetata, ĉiam kondukas al bonaj rezultatoj.

Kiel mi ĵus diris,oni kalkulas, ke ni estas nun duonmilionope. Ni donu al la publiko la impreson de nia nombro !

Sed la stelo ne nur utilas al propagando. Se ni ĉiuj konstante kaj videble ĝin portus, ni certe ofte konatiĝus kun samideanoj, kiuj alie preterpasus nin, ne rimarkite.

Kiam oni vojaĝas en fremdlando, komprenebla estas la ĝojo, kiu premas la koron kiam subite oni vidas, briletanta sur ia jaketo aŭ korsaĵo la mirindan signon !

Tuj ĉio ŝanĝas ! Antaŭ unu minuto oni estis tute sola, perdita inter nekonataj homoj, ne komprenebla kaj ne komprenata. Kaj nun ? ! Nun oni estas kvazaŭ en sia lando, preskaŭ hejme, kaj kun miro kaj kontentego oni vidas ke ĉiuj deziresprimoj, ĉiuj vortoj estas tuj kaj facile komprenataj.

Jam diversfoje mi tiamaniere renkontiĝis kun germanaj samideanoj, kaj mi certigas, ke tiuj momentoj restos por mi altvaloraj. Sed ni faru por la aliaj tion, kion ni deziras ke ili faru por ni, kaj ni neniam preterlasu eĉ la plej malgrandan okazon utili al iu ajn samideano.

Mi parolis pri fremdlando, sed en nia patrujo, en nia urbo mem, se ĝi estas sufiĉe granda, vi per la stelo ankaŭ povas kelkfoje konatiĝi kun samideanoj kiuj, lerninte sole Esperanton, ne estas membroj de iu ajn grupo kaj tre verŝajne estus forlasontaj iom post ian nian aferon pro manko da interrilatoj, kaj kiuj nun eniros en la aktivan praktikan movadon.

Ni do ĉiam kaj ĉie portu la verdan stelon, ĉu por helpi nin unu la alian, ĉu por konigi nian movadon ! Tiel agante ni cetere ankaŭ estos rekompencataj. Ĉar en la tago, kiun mi esperas proksima, kiam la tuta homaro scios, kio estas Esperanto kaj Esperantismo, kiam ĝi komprenos la belecon kaj noblecon de ĝia celo, *tiam* porti la Verdan Stelon estos pli fierinda ol porti iun ajn ordenrubandon !

Nia insigno estos tiu de ĉiuj pacemuloj, kaj ekvidante ke la universala interkompreno estas la plej bona ilo de la tutmonda paco, oni nin konsideros kiel bonfarantojn de la homaro.

FERNAND MATHIEUX.

# LYON

Multaj estos la gesamideanoj, kiuj trapasos la belan urbon **Lyon**, ĉu irante al la VII-a, ĉu revenante.

Estus vere domaĝe, se ili ne haltus por ĝin viziti, kaj ili ĉiam bedaŭrus sian rapidecon.

Fama pro glora estinteco farita de religiaj kaj militaj memoraĵoj, ĉiam pligrandiĝanta de jarcento al jarcento, nun nepre febriĝanta pro aktiveco, **Lyon**, dua urbo en Franclando, etendanta sian loĝejaron sur la trankvilaj bordoj de la alloganta Saône kaj sur la bruemaj bordoj de la rapidega Rhône, **Lyon** staras sub la verda monteto Fourvière kun aspekto stranga, eĉ iom mistika, kvazaŭ urbo de revo kaj de laboro, en kiu artistoj aperigis tiom da ĉefverkoj, en kiu bonvolemuloj efektivigis tiom da mirindaĵoj kaj da daŭrindaĵoj.

Al fremdulo, kiu serĉas neordinarajn sentojn de arto, al vojaĝanto, kiu ŝatas belegajn supervidaĵojn, al komercisto kiu penas plilarĝigi siajn rilatojn, al alilandulo, kiu amas korajn gastigantojn, **Lyon** prezentas ĉion deziratan.

Al ĉiuj tiuj ni sendas alvokon : niaj gesamideanoj haltu en **Lyon** ! Nur ili sciigu pri la horo kaj la tago de sia alveno, kaj la Lyon'anoj ilin atendos ĉe la stacidomo kaj kondukos tra la urbo.

Leteroj estu adresataj al nia kara kunbatalantino, Sinjorino **Farges**, Direktorino de la Esperanto-Oficejo, en la **Esperantista Hejmo**, 2 rue Emile Zola, **Lyon**.

L. PONCET.

# *DIVERSAJ INFORMOJ*

☛ Pro la gravaj sciigoj pri la 7a mondkongreso de Esperanto nia gazeto ne aperas kun siaj kutimaj rubrikoj ; diversaj interesplenaj artikoloj nur povas esti enpresataj post kelka tempo.

Niaj estimataj legantoj kaj niaj kunlaborantoj bonvolu nin senkulpigi pro tiu nevola prokrasto. REDAKCIO DE BELGA ESPERANTISTO.

— **Okaze** aĉeteblaj esperantistaj revuoj, libroj, k. c. Adreso : 12, rue Mazy, Jambes (Namur).

— **Deziras korespondi** per ilustritaj poŝtkartoj :
S-ro Johano Meszaros, Boryslaw per Nafsa (Austrio).
S-ro Hönig Terenc, Halas (Hungarujo).

— **Bona pensiono** kun hejma vivado estas prezentata de franca familio en Antverpeno al knabino ± 10 jara, kiu deziras perfektigi sian instruadon.

Por ĉiuj informoj oni bonvolu sin turni al S ro **Van der Biest-Andelhof**, direktoro de « Belga Esperantisto ».

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al la Direktoro de « Belga Esperantisto », 25, Arendstraat (rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers). Tre dankeme nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTVERPENO. Suda Lumo.** — *Raporto pri la ĝenerala kunveno de « Suda Lumo », okazinta la 13an de julio 1911.*

La 13an de julio okazis en la grupo Suda Lumo la duonjara ĝenerala kunveno. La ĉeestantoj estis multnombraj La prezidanto per agrablaj vortoj malfermis la kunvenon je la 9 1/2a. La sekretario kaj la kasisto legis la raportojn pri la grupa kaj la financa statoj. Specialaj raportoj estis farataj de S-roj Van Gansen kaj De Backer pri la vintra kurso kaj la datrevena festo. La kunveno decidis sendi dankleteron al S-ro Jacobs, la perfekta profesoro kiu instruis Esperanton en Suda Lumo la lastan vintron. La komitato ankaŭ insistis por ke kiel eble plej multe da membroj ĉeestu la 7an kongreson. La reelekto de la komitato donis la jenan rezultaton :

Prezidanto : Willem Dollez,
Sekretario : Leopold Verbraeken,
Kasisto : Emile Bertels,
Membroj : Jos. Derks,
Ady Dollez.

S-ro F. Van Gansen eksiĝis kiel komitatano. La prezidanto lin dankis je la nomo de la grupo por lia sindona laboro.

Per varmaj vortoj esprimitaj al Suda Lumo, la prezidanto fermis la kunsidon je la 11 1/2 h. Oni entuziasme kantis kaj ne forgesis la « Soldon ».

POLO.

**BRUSELO. — Lo Zamenhof** prifestis je ĵaŭdo, 13a de julio, la 3an datrevenon de sia fondo per vizito al la Reĝa Instituto de Surdmutuloj kaj Blinduloj en Woluwe, kie ili estis plej afable akceptataj de la sindona Frato Izidoro, kiu kondukis ilin tra la granda kaj interesa instituto. Kelkaj kantoj de la blindaj esperantistaj lernantoj ĝojigis la kunestadon, kaj la Zamenhof' anoj plej simpatie interfratiĝis kun ili, nur uzante nian mirindan interkomprenilon : Esperanto.

Ĉarma promenado tra arbaro kaj komuna tagmanĝo en la restoracio « La tri naciaj koloroj » finis ĝojige la tagon. F. MAMPAEY.

**GENTO.** — Tre sukcesinta festo kunigis, je sabato la 2a de julio, la membroj de la Genta Grupo Esperantista en festeno, organizita en la hotelo Rubens. Je l' deserto F-ino Colijn rememoris la grandajn servojn, faritajn al la grupo de S-roj Sebruyns, prezidanto, kaj Petiau, sekretario, kaj prezentis al ili, je l'nomo de iliaj multnombraj lernantoj kaj kungrupanoj, ilian naturgrandan fotografaĵon.

La ĉarmoj vortoj de F-ino Colijn, diritaj en plej pura kaj bonstila Esperanto, estis sekvataj de franclingva parolado de S-ro Fouquet, kiu siavice laŭdis la meritojn de la du festherooj, kaj priparolis ilin ne nur kiel lertajn profesorojn, sed ankaŭ kiel sincerajn amikojn.

S-ro Alb. Maertens, honora prezidanto de la grupo, rememorigas la neprofiteman sindonon de S-roj Sebruyns kaj Petiau, kiuj ankaŭ pro sia propaganda laboro sukcesplene kunlaboris al la prospereco de la grupo, kiu, tre certe, estos akirinta pli ol cent membrojn post nelonge. La oratoro ĝoje konstatas la plej laŭdindan iniciativon ĉe la amindaj esperantistinoj, al

kiuj ĉefe estas ŝuldata la organizado de la nuna festo, kaj trinkas je ilia sano.

S-ro Sebruyns, prezidanto, esprimas sian dankon pro la manifestacio, kies objekto li estas. Se lia instruado sukcesis, li diras, estas dank' al la fervoro kaj la persisteco de la lernantaro, al kiu li dediĉas elokventan, tutkoran toston.

S-ro Petiau, sekretario, aldonas siajn dankesprimojn al tiuj de S-ro Sebruyns, kaj diras ke la bonaj rezultatoj de lia instruado estas por li la plej granda rekompenco. Li proponas trinki je nia kara Majstro, D-ro Zamenhof. Je tiu momento granda entuziasmo ekregas, kaj la tuta ĉeestantaro, stare, kantas la himnon « l'Espero ».

S-ro Barbe, el Gentbrugge, kasisto de la grupo, kaj unu el la pioniroj de la unua horo, donas ĝojegajn sciigojn pri la stato de nia movado en sia komunumo, kie Esperanto plej kontentige progresadas.

La kunveno de la 22 de julio restos memorinda ĉe niaj Gentaj samideanoj, kiuj de nun sin preparas, por inde sukcesigi la 4an nacian kongreson, kiu kunigos la belgan esperantistaron en la Arteveld'urbo, je la Pentekostaj tagoj, 26-27 majo 1911.

# BIBLIOGRAFIO

« Belga Esperantisto » nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj. (Adreso : Arendstraat, 26, Antwerpen.)

Pro manko de loko en B. E. kaj pro la multaj laboroj postulataj por la 7a internacia kongreso mi ne povas dediĉi al la bibliografia fako mian kutiman zorgon. Ĉar cetere dum septembro la gazeto ne aperas, kaj la oktobra numero nur enhavos raporton pri la kongreso, mi devas min limigi per la nura citado de la libroj kaj broŝuroj senditaj al mi, esperante ke la aŭtoroj kaj eldonistoj komprenos la situacion. AMATUS

I. **Eldonaĵoj de la Sepo por la Sepo.**

A) JAN. — *La Revuo de la Sepa* (18 × 14), 48 paĝoj. Prezo 1 fr. = Sm. 0.400. Aĉetebla : 76, Minderbroedersrui, Antwerpen.

B) EMANUEL VAN DRIESSCHE. — *Por kvietaj personoj*, unuakta komedieto, esperantigita de AMATUS (20 × 15), 14 paĝoj. Prezo : Fr. 0,50 = Sm 0.200. Aĉetebla : 26, Arendstraat, Antwerpen

Ambaŭ teatraĵoj estos ludataj dum la 7a esperantista kongreso.

II. **Centra Esperantista Belga Oficejo,** 20, Vondelstraat, Antwerpen.

OSCAR VAN SCHOOR. — *La turisto kun la Verda Stelo,* monologo por sinjoro (13 × 20), 8 paĝoj. Prezo : fr. 0,40 = Sm. 0,160.

III. **Librairie Hachette et Cie,** 79, Boulevard St Germain, Paris.

A) E. BOIRAC. — *Aldono al la Plena Vortaro Esperanto-Esperanta, kaj Esperanta-franca,* paĝoj 345-530. Prezo : Fr. 4.50 = Sm. 1.800 ; de la plena verko kun aldono ; Fr. 10.50 = Sm. 4,200.

B) BOIRAC. — *Fundamentaj principoj de la Vortaro Esperanta,* antaŭparolo al la plena vortaro (18 × 11), 32 paĝoj. Prezo : Fr. 0.50 = Sm. 0.200.

IV. BOSSUET. — *Funebra parolado pri Louis de Bourbon, princo de Condé* esperantigis LOUIS BASTIEN (18 × 11), 72 paĝoj. Prezo 1 fr. = Sm. 0,400.

C) S-INO DIOU-TROUILLON. — Kelkaj vortoj pri Teosofio (19 × 12), 16 paĝoj. Prezo Fr. 0,25 = Sm. 0,100.

V. **A. J. Witteryck,** drukker-uitgever, 49, Nieuwe Wandeling, Brugge.

H. VAN DEN KERCHOVE. — *De esperantische woorden volgens hunne beteekenis vereenigd* (19 × 13), 48 bladz. Prijs : 1 frank = Sm. 0,400.

VI. **Esperanto-Verlag Möller & Borel,** 18/19, Lindenstrasse, Berlin.

Tri numeroj de la « Esperanta biblioteko internacia » :

A) J. BOREL. — *Komerca korespondo* (14 × 18), 48 paĝoj ;

B) R. STOLLE. — *Konsiloj pri higieno* (14 × 10), 44 paĝoj ;

C) John Ruskin. — *La Reĝo de la Ora Rivero aŭ la Nigroj Fratoj*, esperantigis Ivy Kellerman, A. M. Ph. Dr. (14×10), 46 paĝoj.
Prezo de ĉiu libreto Fr. 0,25 = Sm. 0,100.

VII. **Universala Esperantia Librejo**, 10, rue de la Bourse, Genève.
C. F. Ramuz. — *Aline, svisa rakonto*, esperantigis René de Saussure (18×12), 138 paĝoj. Prezo : Fr. 2,50 = 1 Sm.

VIII. **British Esperanto Association**, 133-136, High Holborn, London.
*La Gildhala pro-paca kunveno en London « komenco de Nova Epoko »* (18×12), 24 paĝoj. Prezo : unu penco = Sm. 0,100.

IX. **Central Verlag für Esperanto und Stenographie**, 1, Kaiser Friedrichstr., 1, Magdeburg.
Gœthe. — *Hermano kaj Doroteo*, esperantigis Benno Küster (16×12), 88 paĝoj, elegante bindita. Prezo : Fr. 1,25 = Sm. 0,500.

X. **Moskva librejo « Esperanto »**, 27, Tverskaja, Moskvo.
A. Ĉeĥov. — *Du rakontoj*, esperantigis B. Kotzin (17×11), 32 paĝoj. Prezo 10 kop. = Sm. 0,25.

XI. **Esperanto-Propaganda-Enstituto**, Leipzig, 15, KaiserWilhemstrasse
A). D-ro Zamenhof. — *Kongresa Parolado en Washington* (16×12), 24 paĝoj.
B). Christaller. — *Propraj nomoj en Esperanto* (16×12), 16 paĝoj.
C). Heinrich Heine. — *Libro de kantoj* (unua serio) esperantigita de D-ro L. L. Zamenhof, L. Belmont kaj aliaj, (16×12), 24 paĝoj, Prezo de ĉiu libreto : Fr. 0.25 = Sm. 0.100.

XII. **Eldono de la internacia ekspozicio por vojaĝo kaj turismo**, Berlin.
Fedor Freund. — *Taglibro de l'barono Hans von Grotewill*, esperantigis Arnhold Behrendt, (18 × 12), 32 paĝoj. Prezo : ?

XIII. **Eldono de la Unuiĝo por fremduloj**, am Markt, 15. Lübeck.
*Gvidlibro tra la libera Hanso-urbo kaj ĝia proksima ĉirkaŭaĵo* (20 × 13), 48 paĝoj. Prezo : fr. 0,50 = Sm. 0,200.

XIV. **Eldono de la esperantista grupo de Bad Reichenhall.**
*Gvidlibro tra Bad-Reichenhall* (17×11), 32 paĝoj. Prezo : ?

XV. **Presejo Fratoj Reichel, Augsburg.** *Gvidlibro de Augsburg*, Bavarujo (17 × 11), 48 paĝoj. Prezo : Fr. 1,25 = Sm. 0.500.

XVI. **Presejo Wallon, frères, Vichy.**
*Gvidlibreto de Vichy* (14 × 9), 24 pages. Prezo :

XVII. **Eldonejo « Espero »**, Prinsestraat, 48, Hago (Nederlando).
Poezio de H. Menalda, muziko de F. de Ménil. *Saluto al Belgujo*, kanto kun akompanado de fortepiano. Prezo : 1 fr. = Sm. 0.400.

---

# LITERATURA FAKO

# POR KVIETAJ PERSONOJ

DE

## Emanuel VAN DRIESSCHE

UNUAKTA KOMEDIETO

*(Daŭrigo kaj fino)*

Elizabeto. — Kia feliĉo ! Kia feliĉo !

Korus. — Estos pli bone ol kuri kiel vaguloj, tra stratoj kaj strataĉoj, kaj loĝi en mizeraj ĉambraĉoj !

Elizabeto. -- Sed, tiu juna sinjoro sendube estas milionulo, aŭ frenezulo, unu el ambaŭ ?

KORUS. — Aŭ amanto, ankaŭ eble, ĉar kiam la amo loĝas en la kapo, la saĝo estas...

ELIZABETO. — For, for... en la luno !

KORUS. — Tre prave, sed, diru, Beto, restas al ni ankoraŭ ok spesmiloj. Ĉu bona glaseto da brando ne estus bonvena ? Ni do baptu nian neatenditan feliĉon per plengorĝo da Schiedam'o. Ĉu ne bone ?

ELIZABETO. — Mirinda ideo, kara edzo mia. Donu al mi monon, kaj mi tuj alportos malgrandan provizon.

KORUS. — Jen. (*donas monon*) Rapide revenu, intertempe mi konigos min al la Antverpena loĝantaro kiel *Professeur de musique*.

ELIZABETO. — Mi forflugas, vi tuj revidos min. (*for*)

KORUS (*sola*). - La bela vivo, la bela vivo !... Sed, kio indigis min, meriti subite la favorojn de la deino Fortuno ? Tiu juna milionulo, aŭ freneza amanto — tutsame — volas ke mi anoncu min kiel profesoron de muziko. Kiu scias, kien la bonŝanco kondukos min.,. Nu, agu laŭvole la kaprica ŝanco, kaj... fabriku mi la anoncon. (*rigardas ĉirkaŭen*) Ho, jen ĝuste kion mi bezonas, mi returnos la afiŝon kaj mi surskribos la dorsflankon. Sed, kion... Ho, trovite ! LEÇONS DE MUSIQUE PAR UN ARTISTE DU CONSERVATOIRE... Ne, mi konsideru la aferon el pli larĝa vidpunkto : LEÇONS DE MUSIQUE PAR UN ARTISTE UNIVERSEL... Jen ! bone... UNIVERSEL ! (*skribante*) Efektive, mi vagadis ĉiuloken ! Se tio ne allogos la Antverpenanojn, ili estos tre postulemaj.

ELIZABETO (*rapide alvenante*).— Jen, mia dorlotata edzo, ion bonegan. Ekflaru tiun aromon ! (*ŝi flaras*)

KORUS (*aparte*).— Mia Beto ne ŝatas brandon... bedaŭrinde.

ELIZABETO (*prenante grandan glason de la kamenplato*). Jen kion ni bezonas. Ne estas, ĝustedire, likvorglaso, sed ni trinkos kune en perfekta amikeco. (*ŝi verŝas*) Al vi la honoro, Korus ! (*ŝi prezentas al li la glason.*)

KORUS. — Je via sano, karulino. (*trinkinte*) Bone, bonege, superbonege!

ELIZABETO. - Kaj nun iometon por mi. (*ŝi trinkas*)

KORUS. — Verŝu ankoraŭ duonglason por mi. Ne, plenigu ĝin, dum vi estas verŝanta.

ELIZABETO. — Volonte, sed devas resti ankoraŭ iometo por mi. (*ili trinkas alterne*)

KORUS.—Nu, eĉ se ĉiuj brandoj el la mondo estus malbon gustaj, la jena estas vera nektaro.

ELIZABETO. — Mi opinias same, kvankam mi ne ŝatas alkoholaĵojn.

KORUS. - Domaĝe !

ELIZABETO.—Tiu ĉi Schiedam estas superdelikata. Ankoraŭ glaseton, idolo de mia koro ? (*ŝi verŝas*)

KORUS. — Certe, mia dolĉamata Elizanjo. Kiam ne plu estos da ĝi, ni ne plus trinkos. (*ili denove trinkas alterne*)

ELIZABETO (*formetante la kruĉeton*). — Nu, oni devas konfesi ke glaseto de Schiedambrando ĝojigas la koron. Mi estas multe pli gaja ol antaŭe.

KORUS. — Rigardu, Beto, jen mia afiŝo. *Professeur de musique universel*.., kion vi diras pri tio?

ELIZABETO. — Sed,... estas tute france, karulo, kaj ni estas en flandra urbo, kie ĉiuj komprenas Esperanton!

KORUS. — Naivulino! Ĝuste pro tio. Oni devas esti ĉarlatano por sukcesi! (*ambaŭ vidigas per gestoj kaj paroloj ke la brando trovarmigis iliajn kapojn*) Ni do fiksu la afiŝon. (*farinte tion*) Kiu scias, ĉu tiu, kiu donas fojnon al la elefantoj kaj sukeron al la muŝoj. ne decidis fari el mi geniulon kiel Peter Benoit aŭ Jan Blockx! Kaj nun, Benjo, ankoraŭ plengorĝeton da tiu bonega Schiedambrando.

ELIZABETO. — Plezure, karulo, plezure.

KORUS. — Ĝis kiam la kruĉeto estos malplena, mia florbela, kordolĉa Elizabeto!

ELIZABETO. — Kaj de nun, ni kunvivos ame kaj pace, ĉu ne, mia perfekte bona Korus?

KORUS. — Neniam plu da disputoj inter ni, mia aminda, dorlotinda Elizabeto!

ELIZABETO. — Ne plu da pugnokaresoj, nek da survangoj?

KORUS. — Ni vivos pace, kiel....

ELIZABETO. — kvietaj personoj! (*ambaŭ ridas*)

KORUS. — La paco estas do proklamita. Kaj por esprimi nian dankon al la deino Fortuno, ni kune ludos kaj dancos nian plej belan boleron.

ELIZABETO. — Bonege. Jen niaj instrumentoj. (*ŝi forprenas la tegilon de la gitaroj*)

HORUS. — Kaj nun, atentu! Ne kantu false!

ELIZABETO.—

Luno ekbrilas
Birdo ektrilas,
Anĝelineto
Venu al mi!
Kun via flamo,
Kun via amo,
Karulineto,
Kaj dancu ni.
Ho dancu ni!
Ĉu caĉuĉa,
Ĉu manola,
Ĉu bolero,
Por vi, Pedro. . . .

Kara Pedro,
Granda geni. . . .

KORUS, *kun akompananta voĉo.*

Ho dancu ni
Ĉu manola,
Ĉu bolero,
Por vi, Pedro,
Granda geni. . . .

(*Dum la kantado Korus vidigas diversfoje sian malkontentecon, dirante aparte : false ! false ! Fine, eksaltante kolere*) :

KORUS. — Silentu ! pro la amo al Dio ! Vi kantas false ! Vi mortigas la muzikon !

ELIZABETO. — Vi mem kantas false. Vi eĉ ne scias unu noton da muziko !

KORUS. — Mi kantas false ! Mi ne scias unu noton da muziko ! Ho, estas tro da insultoj ! (*Korus disrompas sian gitaron kontraŭ Elizabeto*).

### Sepa Sceno

KORUS, ELIZABETO, KNAP

KNAP (*envenas, maldekstre*). — Ĉielo ! Kio okazas ĉi tie ! Hela ! Hola ! Silenton mi volas, kvietecon en mia domo !

KORUS (*al sia edzino, dum li kolektas la pecojn de sia gitaro*). — Jen, kio lernos al vi kanti false, kvazaŭ kato !

ELIZABETO. — Ĉu vi ne hontas, agi tiel kun via edzino ?

KNAP (*inter ambaŭ, en la fono*).—Diru vi, kia! vi faras tiun diablan inferan bruon, foriru tuj, he ! ? Mi estas luinta mian ĉambron al kvietaj personoj !...

KORUS. — Nu, ni estas kvietaj personoj !

ELIZABETO. — Certe, ni estas kvietaj personoj !

KNAP (*aparte*). — Kvietaj personoj ! Dio el la paradizo, kaj ili batalas kvazaŭ kato kaj hundo ! (*al Elizabeto*) Kaj via edzo draŝas vin ke la tuta domo tremadas !

ELIZABETO.— Tio estas lia rajto,li estas mia edzo. Cetere, tio ne koncernas vin, maljuna stultulo !

KORUS. — Kaj se via edzino kantus false, kion vi farus, vi?

KNAP. — Mi ne havas edzinon.

KORUS. — Des pli bone.

KNAP. — Jen, mi redonas al vi la luprezon. Kaj estu tiel ĝentilaj ke vi subite forloĝas...

ELIZABETO. — Aba ! Ni ne ŝatas !

KORUS. — Transloĝi ? Absolute ne ! Mi luprenis vian ĉambron, mi pagis vin, vi donis al mi kvitancon. Ni restas ! Ĉu ne, karulino mia, ni restas !

ELIZABETO. — Certe, ni restas. (*ambaŭ eksidas*)

KNAP (*minacante*).- Foriru, mi diras ! Foriru ! For !

KORUS (*insiste al Knap*). — Ĉu vi volas ekkredi ke vi terure enuas min, kaj se vi kuraĝas ankoraŭ eldiri minacojn, mi kaptos vin ĉe la kolumo de via vesto kaj ĉe la fundo de via pantalono, kaj mi ĵetos vin malsupren en la koridoron !

KNAP. — Tion ni vidos, tion ni vidos !

KORUS. — Vi profanigas mian hejmon !

ELIZABETO. — Li « violas nian domicilon » !

KORUS. — Lasu nin trankvilaj ; ni estas kvietaj personoj !...

ELIZABETO. — Certe, ni estas kvietaj personoj.

KNAP. — Atendu ! Ni vidos ! Kvietaj personoj ? !... Mi tuj kuras por serĉi la policestron, kiu senkompate ĵetos vin sur la straton ! (*for*).

### Oka Sceno

KORUS, ELIZABETO.

KORUS. — Mi ne scias, kia malbenata spirito penetris en vian korpon, sed se ni ne povas daŭrigi vivi ĉi tie kvazaŭ milionuloj, se la bonŝanco denove nin forlasos, vi estos ree kulpa pro tio !

ELIZABETO. — Mi estos kulpa, kaj kial, mi petas ?

KORUS. — Kial vi kantis false ?

ELIZABETO. — Kial vi dispecigis vian gitaron ?

KORUS. — Ĉar vi kantis false !

ELIZABETO. — Mi ne kantis false !

KORUS. — Eble la brando kantis false...

ELIZABETO. — Sendube. Ĉu ni volas kulpigi nur la brandon ?

KORUS. — Pri la batoj ankaŭ ?

ELIZABETO. — Certe.

KORUS. — Akceptate. Sigelu ni la pacon, kaj permesu ke mi kisu vin, mia dolĉkora Elizabeto ! (*oni aŭdas bruon*)

ELIZABETO. — Kisu min, mia animkarega Korus ! (*ili kisas sin*)

KORUS. — Ĉu la dommastro kun la policestro ?

ELIZABETO. — Ne, estas la juna sinjoro, kiu venas pro sia muzikinstruado.

### Naŭa Sceno

KORUS, ELIZABETO, HENRIKO, poste LENJO

HENRIKO. — Brave, majstro Korus, vi jam alfiksis vian anoncon ĉe la fenestron ; ĉio estas en ordo, ĉu ni volas komenci mian muzikinstruiĝon ?

KORUS. — Certe, Sinjoro, grandplezure. (*aparte*) La polico kantos kune.

ELIZABETO.— Jes, Sinjoro, via Moŝto tuj povas komenci.

KORUS. — Mi estas tute je via dispono.

HENRIKO (*ĉiam ĉirkaŭrigardante*). — Diru, majstro, ĉu vi ne vidis junan fraŭlinon ĉi tie !

ELIZABETO. — Junan fraŭlinon ! En tiu ĉi domo ? Ne, Sinjoro...

KORUS (*aparte*). — Li enamiĝis !

HENRIKO.— Tamen loĝas juna fraŭlino ĉi tie. Ho tiel bela, tiel ĉarma !...

Korus. — Eble la muzikinstruado estas nur preteksto, kaj la celo estas la juna fraŭlino, ĉu ne? Mi komprenas, mi komprenas! (*aparte*) Ho, volonte mi farus ion por la gejunuloj! (*li iras al la fono*)

Henriko. — Kaj nunmomente la patro estas for. Mi ĵus vidis lin, tre koleran, kurantan tra la strato.

Korus (*aparte*). — Kompreneble, li kuris al la policestro.

Elizabeto. — Jen la fraŭlino. (*ŝi signovokas Henrikon al la fono*)

Henriko (*ĉirkaŭrigardante*). — Venu, Lenjo, ne timu...

Lenjo. — Kiel eble! Henriko! Vi kuraĝis veni ĉi tien!

Henriko. — Dank' al tiuj personoj, ni de nun povos nin vidi kaj interparoli.

Elizabeto. — Ĉarma infano, tiu Lenjo!

Korus. — Nun mi komprenas, kial vi igis min lupreni la ĉambron...

Lenjo. — Ĉu vi do povas libere eniri ĉi tien?

Henriko. — Ĉiutage, pretekstante la instruadon de S-ro Korus.

Lenjo. — Kia feliĉo!

**Deka Sceno**

Korus, Elizabeto, Henriko, Lenjo, Knap, Komisario.

Knap (*tre laŭte*). — Jes, S-ro Komisario, bruo de la tuta diablaro el la infero (*Henriko kaj Lenjo estas tre konfuzaj*)

Korus. — Estu senzorgaj, mi akceptos tiujn sinjorojn kaj mi alparolos ilin. (*Henriko kaj Lenjo iras al la fono, maldeksten*)

Knap (*sur la scenejo*). — Jen, S-ro Komisario, tiuj barakpajaĉoj, tiuj agituloj, kiuj uzas mian domon kiel batalkampon.

Korus (*emfaze*). — S-ro Komisario, paroli kun vi estas por mi granda honoro; sed tiun stultulon mi senkompate forpelas el mia ĉambro; mi luprenis ĝin, mi pagis ĝin, do mi estas hejme ĉi tie kaj tute libera! (*ordonante al Knap*) Eliru! *A la porte! Allez!*

Komisario. — Unu momenton, Sinjoro, unu momenton!

Korus. — Eĉ pri unu momenteto mi ne konsentas, tiun mizerulon mi ne povas toleri.

Elizabeto. — Mi ankaŭ ne, S-ro Komisario, ĉar li turmentas sian unikan filinon, tial ke ŝi amas honestan, ĉarman junulon.

Komisario (*ekvidante Henrikon*). — Kio! Mia nevo Henriko! (*ĝenerala miro*)

Henriko (*timeme*). — Mia onklo!

Knap (*aparte*). — Lia onklo! (*al la komisario*) Ĉu eble, ĉu li, la deloganto de mia filino, estas via nevo?

Komisario. — Mi estas lia onklo kaj zorganto, S-ro Knap, diru al mi, kion li malbonfaris?

HENRIKO. — Kara onklo, mi certigas vin ke mi sincere kaj honeste amas fraŭlinon Lenjo.

LENJO. — Kara patro, ne kontraŭstaru nian feliĉon!

KNAP. — Ne, ne, ne, ne, ne... centfoje, milfoje ne....

KOMISARIO. — Amiko Knap, vi aŭdas, ambaŭ amas sin sincere kaj honeste. Miaflanke, mi povas certigi, ke mia nevo estas tre rekomendinda junulo, kiu, dank' al sia kapableco kaj laboremo, jam akiris belan situacion en unu el la ĉefaj komercaj firmoj de Antverpeno. Li, krome, heredis de siaj mortintaj gepatroj kelk-milojn da spesmiloj, kiujn mi administris ĝis nun, sed kiujn mi devos redoni al li, post unu monato, ĉar tiam li estos plenaĝa.

KNAP. — S-ro Komisario, vi do...

KOMISARIO. — ... proponas ke la gejunuloj geedziĝu, post unu monato.

KNAP. — Ke ili geedziĝu! S-ro Komisario, mi ne scias kiel tio okazis, sed mi havis la fiksan ideon, ke mia filino restos ĉiam... fraŭlino.

KOMISARIO. — Ke ŝi neniam edziniĝus? Kara amiko! ĉiuj fraŭlinoj edziniĝas,... kiam ili havas la okazon....

KNAP. — Do, ĉiuj fraŭlinoj edziniĝas! Nu, tiam Lenjo faru kiel la aliaj — precipe, ĉar ŝi edziniĝos kun la nevo de mia bona amiko, la komisario.

HENRIKO. — Dankon, kara Patro! Ho, kiom vi estas bona, S-ro Knap!

KORUS. — La feliĉa sentaŭgulo! Por dudek spesmiloj li akiras tian ĉarman edzineton!

HENRIKO (*signodonante por silenti.*) — Ŭst! Silentu vi!

KOMISARIO. — Do, post unu monato, S-ro Knap, okazos la geedziga festo, ĉu ne?

KORUS. — Kaj dum tiu monato, S-ro Knap, mia edzino kaj mi, ni estos silentaj, kiel musoj, sed, je l' tago de l' geedziĝo, ni ludos niajn plej belajn kvadrelojn, polkojn, valsojn kaj... bolerojn; ili resonos tra la tuta ĉirkaŭaĵo!

ELIZABETO. — Tra la tuta ĉirkaŭaĵo!

KNAP. — Agu nun laŭvole. Ĉiuj miaj projektoj disrompiĝis! Adiaŭ, kvieta vivo mia! Kaj mia ŝparita mono! (*kurteno*)

Kun afabla permeso
esperantigis
AMATUS.

——xxxx——